# Esperanto-Numismatika Asocio




Esperanta Numismatiko 2016 Jarkolekto 3 - Numero 4




# *E N H A V O T A B E L O*

***de oktobro 2016***



Tajpado & paĝaranĝo: Vivienne Tudts
Provlegado: Jozefo Horvath
Kunlaborantaj redaktoroj: ĉu VI? Dankon!
Finredaktoro: Bert Boon

bert.boon@skynet.be
www.esperanto.es/biblioteko
www.kolektado.esperanto.cc

# *De ni por …ni!*

Karaj membroj! Karaj legantoj!

Saluton al vi ĉiuj, post tri monatoj sen mesaĝo el la Esperanto-numismatika kampo. Krome al membroj aŭ vizitantoj de la multaj esperantaj muzeoj, bibliotekoj kaj aliaj asocioj, kiuj regule ricevas nian revuon kaj eĉ divastigas ĝin.

Kun ĝojo ni anoncas la aliĝon de 16a asocio, nome Flandra Esperanto-Ligo (FEL), kun sidejo en Antverpeno.

Dume – kiel parte jam anoncita en la antaŭnumera redakcia artikolo – ni gajnis 4 novajn membrojn. Nia Elda Doerfler el Italio varbis novulon el Brazilo por ENA, Adri Pásztor el Hungario novulinon el sia patrujo. Nia hungara membro kaj brava provleganto Jozefo Horvath propagandis kaj varbis du samlandanojn kaj tiel helpis kreskigi la nombron de membroj ĝis 50 (kvindek)! Sendube grava mejloŝtono en la juna historio de ENA. Ni tutkore dankas ĉiujn, kiuj provis varbi kaj tiujn kiuj krome jam sukcesis. Bonvolu daŭrigi!

Jen la statistikoj pri la membraro de ENA ĝis oktobro 2016.




Tabelo pri laŭlanda nombro de individuaj membroj de ENA

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 1 | | DR Kongo | 1 | | Japanio | 1 |
| Belgio | 2 | | Germanio | 2 | | Kroatio | 1 |
| Britio | 1 | | Hispanio | 3 | | Nederlando | 1 |
| Ĉeĥio | 1 | | Hungario | 1 | | Uzbekio | 1 |

Listo de laŭlanda nombro de bibliotekoj, muzeoj kaj aliaj Esperantaj asocioj

***Ĉar vi ricevos la unuan numeron de la 4a jarkolekto nur je la fino de januaro 2017, ni jam nun deziras al vi, karaj kaj fidelaj membroj, kaj al ĉiuj aliaj legintoj kaj legontoj ĉion bonan por la nova jaro. Spite al la terura internacia situacio kaj al diversaj homaj tragedioj, ni esperas, ke vi ĉiuj trovos en la familia rondo kaj en la rondo de viaj geamikoj la varman etoson, sen kiu neniu povas esti vere feliĉa… Ĝis!***

Bert

## Tipo E - Ŝtataj moneroj memorigaj pri Zamenhof kaj esperantaj eventoj

Pollando 1979




| | |
|---|---|
| Lando: Pollando | Jaro: 1979 |
| Metaloj: arĝento (62,5% Ag; 37,5% Cu) | Kvanto: Ag: 30.000 |
| nikelo pura | Ni: 500 |
| Diametro: 32 mm | Pezo: Ag: 16,57 gr |
| Valoro: 100 zlotoj | Ni: 16,60gr |

Medalisto: skizo de Stanislawa Watrobska

## *Averso:*

Pola aglo (sen krono! = komunista epoko), jarindiko 1979, valoro 100 zł kaj surskribo: POLSKA RZECZPOSPOLITA LUDOWA (= Pola Popola Respubliko)

## *Reverso:*

Busto de Zamenhof, maldekstren rigardanta. Surskribo: LUDWIK•ZAMENHOF•1959-1917




Kiel la superaj moneroj, krom:

Kvanto: Ag: 3100
Ni: 500

Medalisto: skizo de Anna Jarnuszkiewicz

## *Averso:*

Pola aglo (sen krono! = komunista epoko), jarindiko 1979, valoro 100 zlotoj kaj surskribo: POLSKA RZECZPOSPOLITA LUDOWA (= Pola Popola Respubliko).

## *Reverso:* *(varianto)*

Busto de Zamenhof, rigardanta parte maldeksten kun la vorto PRÓBA (provo) apud la kolumo. Surskribo: LUDWIK•ZAMENHOF•1959-1917. Alia litertipo ol la antaŭa monero, kun spacetoj inter la literoj.

## *Rimarko 1:*

De la arĝentaj moneroj la fonoj estas poluritaj, ne la bildoj (busto kaj aglo).

### *Rimarko 2:*

En serio de memorigaj moneroj pri famaj poloj, la pola ŝtato eldonis ankaŭ monerojn pri Zamenhof.

### *Rimarko 3:*

En Pollando la du moneroj estis prefere vendataj al (eksterlandaj) kolektantoj. Por la arĝentaj oni devis pagi en 1980 inter 8 ĝis 15 USD, por la nikelaj eĉ 300 ĝis 400 USD! Tiuj moneroj do apenaŭ aŭ ne cirkulis.

### *Rimarko 4:*

Ĉu moneroj aŭ medaloj? Oficiale moneroj, sed ili montras medalstampon, kiel kutime medaloj!

Kubo 1990








| | |
|---|---|
| Lando: Kubo | Kvanto: 6000 |
| Metalo: arĝento (99,9%) | Pezo: 16 gr |
| Diametro: 38,2 mm | Medalisto: nekonata |
| Jaro: 1990 | Valoro: 5 pesoj |

### *Averso:*

Blazono de Kubo kaj ĉirkaŭskribo: REPUBLICA DE CUBA 16 G. 5 PESOS AG 0.999

## *Reverso:*

Busto de Zamenhof parte antaŭ terglobo kaj ĉirkaŭa surskribo: UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**.** Super la terglobo **75**. Malsupre: HAVANO 1990







| | |
|---|---|
| Lando: Kubo | Kvanto: 6000 |
| Metalo: kupronikelo | Pezo: 11 gr |
| Diametro: 30 mm | Medalisto: nekonata |
| Jaro: 1990 | Valoro: 1 peso |

## *Averso:*

Blazono de Kubo kaj ĉirkaŭskribo: REPUBLICA DE CUBA ★ 1 PESO ★

## *Reverso:*

Busto de Zamenhof parte antaŭ terglobo kaj ĉirkaŭa surskribo: UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**.** Super la terglobo **75**. Malsupre: HAVANO 1990

## *Rimarko:*

Kontraŭe al la polaj, la du kubaj moneroj estis faritaj en monerstampo!

Kroatio 1997




| | |
|---|---|
| Lando: Kroatio | Kvanto: 300.000 |
| Metaloj: kupronikelo kaj latuno | Pezo: 14 gr |
| Diametro: 31-32 mm | Dato: 16.10.1997 |
| Valoro: 25 kunaoj | Medalisto: nekonata |

## *Averso:*

Ekstera cirklo: supre surskribo REPUBLIKA HRVATSKA; malsupre meze la kroata blazono, ambaŭflanke foliobranĉo. En cirkla kartuŝo ornamita per stiligita kuranta marteso, la valorindiko 25 KUNA.

## *Reverso:*

Ekstera cirklo: surskribo "UNUA KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ". Sub la jarindiko: kuŝanta rombo, simila al la romboj en la kongresa emblemo. Interna cirklo: PRVI KONGRES HRVATSKIH ESPERANTISTA 1997. En la kartuŝo la kongresemblemo.

## *Rimarko 1:*

La kroata registaro omaĝis la okazigon de la unua kongreso de la kroata Esperanto-movado per eldono de memorigaj poŝtmarko kaj monero por ĝenerala cirkulado.

## *Rimarko 2:*

La monero estas plurangula kaj havas 12 laterojn. La ĉirkaŭa ringo (du cirkloj) estas el kupronikelo kaj la kartuŝo (kun diametro de 18 mm) el latuno.

## *Rimarko 3:*

La kroata vorto "kuna" signifas marteson kaj ĝi referencas al la mezepoka kutimo uzi martesfelojn kiel pagilon. La valorindiko "kuna" anstataŭigas la ekskomunistan dinaron de la iama Jugoslavio de Tito.

# *A S P E K T O J   D E   N U M I S M A T I K O*

## Medala Arto kaj Arta Medalo (2)

3.4. La medalo estas tridimensia artaĵo, ĉar ĝi montras *reliefon* sur unu aŭ ambaŭ flankoj. Ĝi krome havas starantan randon (sur kiun povas esti aldonataj informoj, ekz. pri fabrikanto, la uzita materialo, la eldonkvanto ktp). Kutime medaloj havas apenaŭ akcentatan reliefon, sed en aktualaj, modernaj ekzempleroj la reliefo ludas pli gravan rolon. Tamen neniam tiel kiel en bareliefo.
Unu el la kialoj estas la nuntempa uzo de reduktilo. Pasintece medalfarado estis la fako de gravuristoj, kiuj gravuris bildojn rekte en la metalon. Per reduktilo ankaŭ skulptistoj povas krei medalojn. Ili unuavice modlas pli grandan version, kaj sekve ĝi estas reduktata al la dezirata "mano"-formato, per uzo de reduktilo.




>




gipsa

>




arĝenta

Dum la lastaj jaroj eblis jam per specialaj komputilaj programoj transformi desegnon en tridimensian bildon, kiu, pere de laserradio, estas eltranĉata el nerompebla vitro. Per la rezultaĵo oni sekve laŭtradicie faras stampilon kaj matricon, per kiuj la medalo estas stampata aŭ fandata. Novaj eksperimentoj montras, ke eĉ eblas skani en tridimensia formato, kaj tiel transformi la skanaĵon en konkretan objekton.

3.5. Krom formon, medalo havas ankaŭ *enhavon.* Medalo estas kaj komunikilo kaj kolektaĵo aŭ … nur plaĉigilo. Ĝi povas figuri ion ajn, sed pro la restrikta areo, la artisto povas montri nur la esencon. Tiu restrikto ofte kaŭzas perdon de nuancaj detaloj, sed tio ne rezultas pro manko de teknikaj eblecoj, sed nur pro stila prefero. Povi decidi inter stilaj kaj teknikaj argumentoj estas samtempe la forteco kaj la malforteco de la medalarto. Unika estas tamen la ebleco uzi ambaŭ flankojn, por montri du komplementajn aspektojn de la sama temo.







Aspekto 1: 20-jariĝo de "La Hirundo" + Aspekto 2: 125-jariĝo de Esperanto
1992 – 2012 1887 – 2012

3.6. Precipe skulptistoj faris la monerarton *aŭtonoma artofako.* Medalo, kutime apogilo de mesaĝo, iĝis mem la mesaĝo. Medalo estas pura, arta kreaĵo far iu artisto. Ĝian estiĝon kaŭzas la kreanta povo de la artisto, kio tamen ne estas obstaklo por eventuale aldoni utilan mesaĝon.

3.7. Reverso kaj rando estas kromaj, *aldonitaj ecoj*. La rilato inter averso kaj reverso ebligas envolvi la tempon kiel kvaran dimension de la kreado (la momentfoto iĝas rakonto), kaj la staranta rando, kiu kunigas la du flankojn, povas mencii diversajn informojn kiel la nomon de la monfarejo, la daton de fabrikado, la uzatan materialon kaj eventuale la eldonkvanton.

3.8. Arto ekestas dum la originala, kreativa interpretado far la artisto de homaj pensoj, sentoj, valoroj kaj idealoj.

Arto nepre estas kunligita kun la emocie reaganta homo kaj lia vivo, evidente subjektiva kaj redifinenda laŭgeneracie.

Arto montras sin kiel troaĵo por tio, kio estas necesa kaj ĉiutaga.

La povo krei arte estigas artiston el metiisto. La kreado de plenvalora artaĵo nepre estas eksterordinara evento. Tion oni ankaŭ rimarkas en la mondo de skulpturaĵoj kaj juveloj.

# La steloj de Universala Ligo (3)

## B La emisio de 1965

Je la 11a de februaro 1965 en Utrecht okazis denove kunveno. La Internacia Esperanto-Instituto proponis al Ŝtata Monfarejo kompletigi la 1960-an serion per pagilmedalo de 25 steloj. Kupronikelaj ekzempleroj estu encirkuligotaj por esti uzotaj de esperantistoj. La arĝentaj por esti vendotaj al kolektantoj. La diametro estu 38 mm, la pezo 19 gr por la kupronikelaj (75% Cu, 25% Ni) kaj 25 gr por la arĝentaj (90% Ag, 10% Cu).




La vendomonopolon IEI konfidis al sinjoro J.C.A. Loon, estro de la firmao Numismatica en Rijswijk [rejswejk]. En 1965 Loon estis petinta al Ŝtata Monfarejo oferton por 10.000 arĝentaj moneroj de 25 steloj kun la busto de Zamenhof kaj la jarindiko 1965.

Kelkajn tagojn poste la firmao Numismatica ricevis la gipsmuldaĵojn. Tiujn oni bezonis por kompili reklambroŝurojn, kiujn Loon intencis dissendi al siaj usonaj gekonatuloj.



ESPERANTO-FOUNDATION CANDIDATE FOR THE NOBEL-PEACE PRICE 1965

WORLDWIDE
D. C. C.

Dear Fellow-Dealer,

The Esperanto-foundation has entrusted us with the sole distribution of the new International Esperanto coin of 25 Steloj, which is the logical conclusion of the previously (1959) issued-set of 1-5-10 Steloj.

This beautiful silver Crown-Size Proof-coin, which will be struck this summer, will cost YOU only $ 4.- (in this amount are included all costs of shipping and insurance).

Due to the limited number of pieces struck (only 10.000), we expect a fast sale. Therefore we suggest you to order without delay.

Advertisement at retail-price has already been made in Coin World and World Coins.

In the meantime we remain,

yours sincerely,

DUTCH COIN CO.
J. C. A. LOON

Distributors: DUTCH COIN COMPANY
J. C. A. Loon - P.O. Box 4090
Rijswijk (The Hague) Holland
Cables: Numismatica-Rijswijk



NEW INTERNATIONAL ESPERANTO COIN

is valid for purchases in Esperanto-outlets all over the World (included Russia)

BRILLIANT PROOF

OBVERSE:
Head of Dr. L. L. Zamenhof (1859-1917) founder of the Esperanto-language

REVERSE:
5 pointed-star (the emblem of the Esperanto-foundation) value 25 Steloj date 1965

| | | |
|---|---|---|
| weight | : | 25 gram |
| metal | : | silver 900/1000 |
| diameter | : | 38 mm |
| number minted | : | ~~10.000~~ 5000 |

STRUCK AT THE ROYAL MINT IN UTRECHT (HOLLAND)

Single copy $ 8.00    10 copies $ 75.00

Sole-distributors:
DUTCH COIN COMPANY · J. C. A. LOON
P.O. BOX 4090 · RIJSWIJK (THE HAGUE) · HOLLAND

Post sia peto Loon ricevis ateston kun garantio, ke la eldonkvanto estos limigita al 10.000 arĝentaj moneroj kun polurenda fono kaj nebrilaj tekstoj kaj portreto. La definitiva oferto de IEI ne plu menciis 10.000 sed nur 5.000 ekzemplerojn kun opcio por dua liveraĵo de 5.000 ekzempleroj. Tio tamen neniam okazis…

Unu el la postuloj de IEI estis, ke dum la stampado la moneroj estu kaptotaj unu post la alia kaj enpakotaj en sorba papero por eviti skrapaĵojn. Krom la arĝentaj, la instituto mendis por propra uzo 1.000 ekzemplerojn en kupronikelo. Tiuj lastaj tamen tute ne plaĉis al la membroj kaj poste ili estis venditaj al la firmao de Loon.

Post la ricevo, septembre 1965, de unu arĝenta provekzemplero, la tuta kvanto estis stampita kaj vendita de Numismatica al la firmao Perry en Usono.

Je la 28a de septembro 1965 Numismatica krome mendis 10 orajn (983/1000) ekzemplerojn kun polurota fono, sama diametro kiel la arĝentaj kaj kun la numeroj 1 ĝis 10 en la rando. Krome kun la vorto PROOF (en la angla!) sub la kolumo de Zamenhof. Ili estu liverotaj en luksa, leda kesteto.

Post nur unu semajno ĉiuj oraj ekzempleroj jam estis venditaj! Laŭdire kelkaj el ili trovis ripozejon en iuj muzeoj… Kie do troviĝas la aliaj?




Du arĝentaj moneroj kun bela patino en la originala, luksa, kesteto

Daŭrigota

# *T E R M I N A R O*

## *Alfabeta listo (8):*

**alpaco:** *alojo el kupro (Cu) – nikelo (Ni) kaj zinko (Zi). Sinonimo: novarĝento, pro la brila aspekto. Samvaloraj terminoj: arĝentano aŭ arĝentumo.*

**diakrona monertrovaĵo:** *arkeologia termino, uzata en la numismatiko por moneraro konsistanta el moneroj retrovitaj en la sama ejo, sed ne samtempe kaŝitaj aŭ perditaj.*

**emajli:** *enbaki emajlopulvoron (surbaze de pistita vitro) en metalon per brulilo.*

**kartuŝo:** *shenu = en la malnova egipta lingvo. Origine ovala encirkligitaĵo de la nomo de egiptaj faraonoj. Laŭ Jozefo Horvath ĝi estas de mezepoka origino. Ĝi estis origine blazono de ekleziuloj (kontraste al la militaj ŝildoj de la nobelaj blazonoj), por montri ties diversecon. La vorto carta indikas, ke komence ĝi estis farita el papero.*
*En la numismatiko origine franca termino por eta ovalo kun teksto aŭ bildo (ofte busto) en pli granda bildo.*






**provstampo:** *stampaĵo en alia ol la kutima metalo. Sinonimo: devia metalo. Celo: testi la kvaliton de la stampaĵo.*
*En pli valora metalo stampita: la celo estas ekzemplero por montri aŭ por vendi al kolektantoj.*

**sinkrona monertrovaĵo:** *samtempe retrovitaj moneroj, kiuj kune estis kaŝitaj aŭ perditaj.*

**trovaĵokomplekso:** *en restrikta areo retrovitaj moneroj, kiuj ne samtempe estis kaŝitaj aŭ perditaj.*

## *E L   LA   G A Z E T A R O*

# ELF – AREK en la UK 2016

*La Verda Lupeo 172*   *ELF-AREK en la UK*   *Aŭgusto 2016*

**Karaj Elf-Arek-anoj!**

**Entuziasma revenis via prezidanto de la 101a UK, okazinta en Nitro, Slovakio (23-30 julio). Nu, certe vi pensos: kiel kutime, ĉiu ajn rehejmiĝas post E-kongreso entuziasmoplena, ideoriĉa, kun tute verdaj koro kaj menso. Sed ĉifoje – kredu min! – ni esperantistoj-filatelistoj havis pli ol unu kialon por esti kontentaj, eĉ kontentegaj!**

**Sabaton la 23an, areto da triestanoj prezentis nian Ligon dum la Movada Foiro. Svarmis antaŭ nia tableto aro da kongresanoj, el kiuj pluraj prenis varbilojn, poŝtkartojn kaj glumarkojn je dispono senpagajn kaj la propagandilojn de ENA – Esperanto-Numismatika Asocio, kun kiu Elf-Arek amike kunlaboras. Aliris nian diskonigejon ankaŭ la liganoj, ĉeestantaj la UK-on.**

**Mardon la 26an, okazis de la 11a ĝis la 12,30 h Elf-Arek-kunveno, malfermata al membroj kaj ĉiuj interesiĝantoj. Eniris la salonon trideko da personoj. Mi estis envere agrable surprizita, pro la kvanto da ĉeestantoj. La komenco de mia prezento bedaŭrinde estis prokrastita de la nebona funkciado de la komputiloj, afero tre grava ĉar mi estis preparinta tri projekciadojn surekranajn, nome "Prezento de Elf-Arek", "Historiaj bildoj pri L. L. Zamenhof" kaj "Vojaĝo en la tempo per poŝtkartoj kaj glumarkoj". Atendante la solvon de tiu tre embarasa situacio, mi klopodis teni alta la intereson de la publiko per klarigo de la agado kaj funkcioj de nia Ligo. Feliĉe, kiam mi jam estis senespera kaj preta "ĵeti la viŝtukon", sur la ekrano ekaperis la unua projekciaĵo. Mi plivigliĝis kaj seninterrompe prelegis pri filatelaĵoj, kartoj, stampoj, glumarkoj ktp ktp. Nur unu persono foriris dum mia prezentado, tiu estis Mag. Bernhard Tuider, teamestro kaj bibliotekisto en la Viena Muzeo pri kolekto por planlingvoj kaj Esperanto-muzeo, pro baldaŭa komenciĝo de sia prelego. Post prezentado ekestis kelkaj opini-interŝanĝoj, sinprezentoj kaj aliaĵoj. El tio sekvis la aliĝo de du personoj, kiujn mi varme bonvenigas en niaj vicoj: la konata esperantisto Franz-Georg Rössler (Germanio) kaj KANG Hongu, vicprezidanto de la Korea E-Asocio. Entute, bonega kaj fruktodona sperto, nepre reorganizenda dum la ontaj UK.**

**En la sama tago, je la 17a horo, inaŭguriĝis en la unuaetaĝa halo de la Nitra Teatro ekspozicio pri E-filatelaĵoj kaj malnovaj pk. Ĉeestis Inĝ. Ondrášek kaj Dr. Janka Švecová - Ministerio de Trafiko, Mgr. Anton Števko - direktoro de Muzeo Nitra, Peter Baláž - prezidanto de SKEF kaj LKK, Miroslav Ňaršík - prezidanto de Asocio de slovakaj filatelistoj kaj Doc. Igor Benca - aŭtoro de poŝtmarko kaj filatelaĵoj. Ĉe la malfermo ĉiuj aŭtoritatuloj mallonge parolis kaj ankaŭ mi aldiris miajn dankojn nome de la filatelistaj esperantistoj. Per tiu ekspozicio oni intencis propagandi Esperanton al civitanoj de Nitra kaj prezenti Slovakion al partoprenantoj de UK.**

**Sed kio estis tre grava kaj interesa por ni filatelistoj dum la 101a UK? La apero de poŝtmarko, de tutaĵo, de du diversdataj stampoj pri la kongreso kaj unu pri la ekspozicio, de memorfolio! Mi kredas, ke neniam estis emisiita tiom da priesperantaj filatelaĵoj dum iu ajn UK. Nitro superis eĉ Pekinon, 2004! Gratulojn al la organizantoj!!! Kaj filatelistajn dankojn!!!**

***Al vi miajn plej elkorajn salutojn Elda Doerfler***

**9**

Ni kore dankas nian ENA-membron Elda el Triesto pro la diskonigo de niaj propagandiloj dum la 101a UK en Nitra.

**R E T P O Ŝ T O**

de vi por ni!

## Reagoj kaj konversacioj

30.07.2016 17:24

Kara Bert,

jen la provlegita n-ro de via/nia revuo kun miaj proponoj pri korektado. Aparte mi ne menciis, sed en la retmesaĝoj vi povus forigi la superfluajn liniorompojn, tiel la aspekto fariĝus pli plaĉa. Mi rimarkis kelkajn superfluajn duoblajn spacetojn, kiuj same forigendus.

Mi transsendis al du hungaraj retlistoj vian alvokon, por propagandi kaj pli konigi vian benindan kaj fruktodonan laboron. Ĝi kompletigas la vivhistorion de Esperanto per tre interesaj detaloj.

Amike: Jozefo

03.08.2016 9:30

Kara Jozefo,

mi ne scias kiel sufiĉe danki vin pro viaj laboro kaj varbado por ENA. La de mi farataj eraroj klare montras al mi, ke mi bezonas ankoraŭ pliajn paŝojn al pli kompleta posedo de esperantaj gramatiko kaj stilo. Bonŝance oni neniam estas tro maljuna por lerni, male!
Mi do korektis la tekstojn laŭ viaj proponoj. Dankon!

Dum la lastaj tagoj ENA varbis du novajn membrojn (numerojn 49 kaj 50!), ambaŭ hungaroj, (…). Mi supozas rezulte de via transsendo de mia alvoko al hungaraj retlistoj. Do ni ŝuldas al vi plian dankon pro via sukcesa varbado por ENA!

Kun via helpo ni sukcesados dissendi sufiĉe altnivelan revuon por bonstile diskonigi flankan sed interesan branĉon de la esperantista historio.

Amike,

Bert

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

30.07.2016 13:36

Estimata Bert Boon,

Mi konsentas aliĝi

Salute

Georgo Bacher

30.07.2016 19:30

Kara nova ENA-membro,

Ni tutkore bonvenigas kaj gratulas vin. Dankon pro via tute senpaga kaj dumviva aliĝo.

Ni sendas nun al vi ĉiujn revuojn, kiuj jam aperis kaj deziras al vi agrablan legadon. Nia revuo estas trimonata. Vi aŭtomate ricevos ĉiun novan numeron!

Se vi volas reagi aŭ sendi demandojn, ni certe respondos al vi.

Bonvolu konfirmi la ricevon de la sendaĵo. Ĉu nenio mankas?

Tutkore kaj samideane,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA

30.07.2016 20:07

Kara sinjoro,

Mi ricevis la tutan kolekton.
Mi tre dankas ĉion.

Amike:

Georgo

03.08.2016 12:57

Kara nova membro Georgo,

Ni ankaŭ invitas vin- laŭbezone aŭ laŭdezire- fojefoje reagi per viaj demandoj, petoj, rimarkoj ktp. Krome, ni bonvenigas mem- skribitajn kontribuaĵojn aŭ esperantlingvajn tekstojn pri numismatikaj temoj (vidu ankaŭ la rubrikon "El la gazetaro").

Estas ankaŭ tre interese por nia revuo ekscii ĉu ĉe vi (en asocioj, kluboj, muzeoj, bibliotekoj ktp) troviĝas aŭ estis eldonitaj Esperantaj medaloj, moneroj kaj aliaj numismatikaĵoj.

Kun amikaj kaj numismataj salutoj,

Bert Boon
ENA

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

01.08.2016 11:21

Estimata Sinjoro Boon, “Mi konsentas aliĝi”.
Salutas Árpád Rátkai

01.08.2016 16:05

Estimata sinjoro Rátkai, kara samideano Árpád,

mi tutkore bonvenigas vin kiel 50an membron de ENA.

Samtempe mi sendos al vi ĉiujn jam aperintajn numerojn de "Esperanta Numismatiko" (ĵus aperis la 11a numero!).

Mi esperas, ke vi bonorde ricevos la sendaĵon. Mi petas vin konfirmi, ke nenio mankis.

Kun amikaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, finredaktoro de la revuo

03.08.2016 11:45

Saluton kara nova membro,

Ni ankaŭ invitas vin laŭbezone fojefoje aktive reagi per demandoj, petoj, rimarkoj, se eble per kontribuaĵoj pri (esperantaj) numismatikaj (ekzemple el la gazetaro) objektoj.

Estas ege interese por nia revuo ekscii, ĉu ekzistis/as ĉe vi (en asocioj, ĉe individuoj, en muzeoj ktp.) esperantaj medaloj, moneroj aŭ aliaj numismatikaĵoj Esperantaj.

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon/ ENA



01.10.2016 17:29

Estimataj sinjorino, sinjoro,

Oni informis min, ke Fonduso Pro Esperanto en 2009 eldonis du arĝentajn memorigajn medalojn.

Laŭdire unu honoris la 100-jariĝon de la unuaj Floraj Ludoj, la alia la 40an datrevenon de la unua jarkolekto de "Literatura Foiro", kies abonanto mi jam dum multaj jaroj estas kaj kies kunlaboranto mi estis koncerne nekonitan zamenhofan leteron.

Ambaŭ bedaŭrinde mankas en mia kolekto de esperantaj moneroj kaj medaloj. Ĉu ili ankoraŭ estas mendeblaj? Se jes, je kiu prezo + sendokostoj?

Krome mi intencas priskribi kaj montri tiujn numismatikaĵojn en la la kvara jarkolekto de "Esperanta Numismatiko", kiu aperos ekde januaro 2017.

Mi anticipe dankas vin pro via respondo kaj salutas vin

samideane kaj numismate.

Bert Boon

Iniciantinto de fakgrupo "Esperanto-Numismatika Asocio" (ekde 2014)

Ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"

Aldone: numeron de nia revuo

01.10.2016 6:39 PM

Estimata civitano,

En 2009 aperis la medalo el arĝento pro la 150a datreveno de la naskiĝo de L. L. Zamenhof.

La medalo honore al "Literatura Foiro" estas prokrastita al la ora jubileo (2019).

La medalo por la Internaciaj Floraj Ludoj ne estis forĝita, manke de interkonsento kun Kataluna Esperanto-Asocio.

Ni gratulas vin pro la numismatika intereso, kaj esperas kunlabori kun vi.

Amike kaj civitane,
fondumo Pro Esperanto

01.10.2016 19:58

Estimata kuncivitan(in)o,

mi ĝojas pro via rapida reago, malĝojas aliflanke pro la prokrasto de la unua, pro la fiasko de la dua. Tamen la eldonon de la unua (2019) mi scivole kaj iomete senpacience atendados.

Dankon ankaŭ pro via gratulo koncerne la celojn de nia (tute nova en la historio de Eo) numismatika asocio. Ni tre volonte kunlaboros kun la Fondumo (ekzemple per artikolo pri ENA por LF... se vi konsentus) kaj esperas fojefoje ricevi informojn de vi pri numismatikaĵoj.

Se la provekzemplero plaĉus al vi, ni povus transsendi (nur) perrete al la Fondumo ĉiujn jam aperintajn kaj ĉiujn aperontojn numerojn, tute senpage.

Por unuopaj gesamideanoj (post nur du jaroj ni jam havas 50 individuajn membrojn el 18

diversaj landoj kaj kontinentoj kaj 16 bibliotekojn, muzeojn kaj alispecajn Esperanto-asociojn kiuj regule ricevas la revuon); la aniĝo estas kaj restos senpaga, kaj ĉiuj ricevos la kompletajn jarkolektojn senpage.

Numismatike kaj civitane,

Bert Boon

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

02 10 2016 17:43

Mia kara Alberto,

Kiam mi sidis komforte en la trajno iranta al Torino, finfine mi sukcesis legi la lastan ENA-revuon: kiel kutime interesega kaj informoriĉa. Daŭrigu tiele: vi elstare ĝin redaktas! Atentu pri la retadreso (skribita en la 2a paĝo) de nia ELF-AREK: ne www.kolekto.esperanto.cc, SED www.kolektado.esperanto.cc

El letereo de Elda Doerfler

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

**A N O N C O J**

**&**

**E V E N T O J**

# Esperanto-Ligo Filatelista/Amika Rondo de Esperantaĵ-kolektantoj (ELF-AREK)

Kolekti Esperantaĵojn kaj geamikojn!

Ĉefpaĝo La Verda Lupeo Filatelo Numismatiko Bildkartoj Referencoj Kontakto Aliĝu!

## Esperanto-Numismatika Asocio (ENA)



Antaŭ nelonge belga esperantisto fondis tute novan fakgrupon esperantistan, **Esperanto-Numismatika Asocio (ENA)**, kies celo estas informi esperantistojn mondvaste pri esperantaj medaloj, moneroj kaj diversaj aliaj pagiloj kaj numismatikaĵoj.

Jam dum pli ol 20 jaroj Bert Boon kolektas, pristudas kaj priskribas la E-numismatikon. Li konstatas, ke la esperanta numismatiko estas ne sufiĉe konata inter esperantistoj kaj ke ĝi tamen estas tre riĉa kaj historie grava kampo por rikolti multajn sciindaĵojn pri la Esperanto-movado.

Tiu, kiu volas membriĝi, simple sendu retmesaĝon pri tiu deziro al ***bert.boon @ skynet.be***

La membreco estas senpaga kaj dumviva. Ne estas kaj ne estos estraro; ĉiuj membroj estas egalvaloraj kaj rajtas komuniki pri ĉiuj aspektoj de la nova grupo.

Ankaŭ senpaga estas la reta revuo *Esperanta Numismatiko* (kvarfoje jare; unua numero en januaro 2014) kies redaktoroj (aktivaj aŭ ne aktivaj) estas la membroj mem. La iniciatinto estas nur la "araneo" en la centro de la "reto", kiu kolektas kaj dissendas informojn de unuopaj membroj, novaĵojn, ktp. al ĉiuj membroj.

Bulteno *Esperanta Numismatiko*

Aliĝu senpage kaj ricevu la aperintajn numerojn de *Esperanta Numismatiko*. Dume, legu specimenan numeron:






### Jarkolekto 2014

- 2014 – Numero 1 (elŝutu)
- 2014 – Numero 2
- 2014 – Numero 3
- 2014 – Numero 4






### Jarkolekto 2015

- 2015 – Numero 1
- 2015 – Numero 2
- 2015 – Numero 3






### Jarkolekto 2016

- 2016 – Numero 1



## Bitoteko

Se vi hazarde aŭ akcidente forviŝis kompletan numeron de "Esperanta Numismatiko", vi tutsimple serĉu en Google por retrovi la kompletajn jarkolektojn de nia revuo.

Agu tiel:

### Google

Skribu en Google: *bitoteko.esperanto.es:8080/jspui/handle/11013/7*

Klaku: **Bitoteko - Federación Española de Esperanto**

Vi ricevos: **Bonvenon al Bitoteko!**

**Jen la bitoteko de Hispana Esperanto-Federacio**



**Gazetoteko · Hemeroteca Ĉefpaĝo de la sekcio**

Iru suben kaj trovu: **Kolektoj en ĉi sekcio**

Pli suben al:  Esperanta numismatiko [2014- ]

Ana Manero
Biblioteko Juan Régulo Pérez
www.esperanto.es/biblioteko
biblioteko@esperanto.es

Ni tutkore dankas Anan Manero pro ŝia iniciato.



Karaj membroj!

Bonvolu dissendi la suban tekston al plejeble multaj esperantistoj, kies retadreson vi posedas. Nur tiel la nombro de ENA-anoj povos vere kreski. Via helpo estas bezonata! Mi anticipe dankegas vin!

Bert

Estimata samidean(in)o,

pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto en la historio de Esperanto, estis fondita en 2013 la probable unua fakgrupo "Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo "Esperanta Numismatiko".

La instiga kialo estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro de moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur du jaroj ĝis 46 individuaj membroj kaj 15 esperantaj bibliotekoj k muzeoj, dise en la mondo.

Agrable estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!
Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: "Mi konsentas aliĝi") kaj krome la *PERRETA* revuo ankaŭ estas tute SENPAGA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, oni tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn (4 n-rojn jare).

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en Jarlibro 2015 sur p. 68. Se vi deziras pliajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be!

Vi rajtas unue peti provnumeron!

Kun numismatikaj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"